ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. Hodler. †
Redaktoro : D-ro Edm. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

Adreso : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando

ENHAVO :

**Esperantismo :**



**Literaturo:**



**Diversaĵoj :**



XXX-a Jaro N° 405
MAJO 1934

# Poetoj kaj novaj vortoj

Antaŭ kelkaj monatoj ni presigis kaj priparolis rezolucion de Japanaj Esperantistoj kontraŭ enkonduko de tro multaj novaj radikoj. Ĉiu scias ke ankaŭ ni malkonsilas tion kaj mem uzas eĉ malpli da radikoj ol troviĝas en la Fundamento de Esperanto.

Sed tio ne blindigas nin al malvido de la realo t.e. la supervalora partopreno de la kritikataj aŭtoroj en la riĉigo, beligo kaj vivigo de nia lingvo. La literatura verko de grandaj artistoj, kiel Kalocsay kaj Baghy, alportis al Esperanto tiom da neforgeseblaj monumentoj, ke ĉiu el ni devus konservi al ili kaj al ilia skolo admiron kaj dankon pro la fakto, ke ili metis sian poetan harpon al la servo de nia lingvo.

Estus nepardonebla krimo kontraŭ Esperanto senkuraĝigi per maljustaj atakoj tiel malavarajn ornamistojn de nia komuna domo kaj senigi la Zamenhofan lingvon je ilia fidela laboro kaj amo.

Tion ni deziras respondi al la bonaj samideanoj el Usono, kiuj sendis al ni sesparagrafan proteston kaj volas malpermesi al la revuo de UEA laŭdi aŭ mem presigi verkaĵojn de niaj plej talentaj aŭtoroj. Arbeto ne kaŝu al ni grandiozan arbaron.

Kritiki, tion rajtas ja ĉiu leganto kaj tion faras lerte, severe kaj juste nia sprita recenzisto Stroele, sed voki kontraŭ pentristoj kaj poetoj ĉiujn ĝendarmojn kaj fulmotondrojn de nia Lingva Komitato, tio estas ja troa kaj ekster ĉia proporcio. Iom pli modeste ni juĝu la majstrojn, kiuj superas nin en talento kaj mastrado de nia lingvo.

Kiam Carlyle aŭ Victor Hugo mirigis la britan aŭ francan publikon per uzo de novaj kaj frapaj esprimoj kaj provo de strangaj vortoj aŭ kunmetaĵoj, ankaŭ tiam oni aŭdis plendojn kaj akrajn avertojn. Tamen ili fariĝis ambaŭ klasikaj aŭtoroj kaj helpis senmortigi la lingvojn, en kiuj ili skribis. Same okazis pri Dante, Chaucer kaj Ronsard en tempo de Renesanco.

Ni plene aprobas la opinion de niaj usonaj amikoj pri reformemuloj, kiuj konsideras nian lingvon kiel teorian sistemon, kies bazon ĉiu povus ŝanĝi laŭ sia plaĉo. Ne l'abeloj de l'uzado, sed la vespoj de l'teorio malutilas al ĝardeno. Nu, tiu vorto « *reformemulo* » estas aplikebla neniel al artistoj, kiuj konas, uzas kaj amas nian lingvon multe pli profunde ol ĉiuj kritikantoj. Ili tute ne tuŝas ĝian fundamenton, sed faras nur tion, kion D-ro Zamenhof mem konsilis en sia *Anlaŭparolo al la Dua Libro*, kie li saĝe antaŭvidis la progreson kaj riĉigon de la lingvo per natura vojo sub mano de talento en uzado.

Ankaŭ la kritikataj aŭtoroj sidas en la Lingva Komitato kaj partoprenas en ĝiaj laboroj. Ĝi estus ja ridinda sen ili, kiuj plej eminente reprezentas la lingvon. Eĉ se pluraj anoj, kiel ni mem, ne konsentas kun multaj el iliaj vortprovaĵoj, ni tute ne bezonas pro tio sendi armeon de bojantaj hundoj por ilin mordi aŭ policanojn por ilin malliberigi.

Sufiĉas plene, ke la Akademio ne oficialigu tiujn provaĵojn, kiujn la publiko mem reĵetis per neakcepto kaj neimito. Tasko de la Akademio ne estas antaŭprepari la laboron de verkistoj aŭ redaktoroj, sed ĝin poste rigardi kaj atente sekvi por eventuala registrado aŭ rifuzado.

D-ro Zamenhof tiamaniere difinis la kontrolan devon kaj severe malaprobis la uzon de policaj kaj terurigaj rimedoj por influi la vivon de la lingvo. Ni restu fidelaj al lia metodo. Edmond PRIVAT.

# Esperantismo

## La emocipovo en nia movado

Per simpla logiko oni ne povas klarigi al si la agadon de l' unuaj esperantistoj. La lingvosciencistoj en tiu tempo estis plene konvinkitaj, ke artefarita lingvo estus naiva utopio. En sia plena nescio pri la afero, la mondo devus ricevi la broŝureton de L.L. Zamenhof (Doktoro Esperanto) kun indiferenteco aŭ moko. Al la lingva projekto mankis ĉiu intereso : ĝi havis nek uzantojn, nek literaturon, nek respektindan nomon por ĝin apogi. Do, la unuaj pioniroj havis ĉion kontraŭ si kaj nenian pravigon por sia espero. La kompromiso eklerni la lingvon post aprobo de certa nombro de homoj — kiuj certe ne plenumus sian parolon — estis naivega.

Kial, do, diversloke aperis fervoraj laborantoj ?

Kiamaniere la malforta, malriĉa, nekonata junulo, kiu prezentis al la mondo sian projekton sub pseŭdonimo, povus respektigi sian Fundamenton ?

Kiam mi lernis Esperanton, antaŭ 25 jaroj, la situacio estis jam tre alloga : Esperanto jam posedis interesan literaturon ; multe da korespondemaj samideanoj estis en ĉiuj landoj, kaj mia natura egoismo konvinkis min pri la tuja utileco de la lingvo. Ĝi jam ne estis projekto, sed lingvo en plena funkciado. Post lernado de la lingvo, kompreneble, min varmigis la mondlingva idealo, kaj tio estis tre facile klarigebla.

Post tralegado de l' Zamenhofaj poezioj kaj paroladoj en la kongresoj, mi, iom post iom, ekadmiris kaj respektis la aŭtoron de Esperanto, ne simple kiel geniulon aŭ sciencistion, sed iel pli *religie*, kiel profeton. Tiu respektego al Zamenhof igis min malakcepti senhezite la idistan movadon, ĉar la nomo de tiu bonfaranto de l' homaro estis abomeninde mokata kaj eĉ kalumniata de l' idistoj. Dum kelka tempo mi kredis je la sukceso de « Ido », kaj volonte estus forlasinta Esperanton, se tiuj moralaj skrupuloj ne malpermesus al mi unuiĝon kun tiaj homoj.

En la momento, kiam mi estis plej hezitema, ĉu mi devis forlasi la mondlingvan movadon, kiel sola solvo por eviti la kunlaboradon kun la idistoj, — ĉar tiam ŝajnis al mi ke « Ido » estis venkonta — en tiu tempo S-ro Francisco Waldomiro Lorenz publikigis en « Brazila Esperantisto » leteron, en kiu li klarigis, ke li revenas al la esperantista movado kaj forlasis la idistan, ĉar la senĉesa reformado de la lingvo senkuraĝigis lin, kaj li ne povis resti solidara kun la insultoj kontraŭ la tre respektinda S-ro L.L. Zamenhof. Tiu decido de la plej ŝatata esperantista poeto en mia lando, de li kiu estis laborinta por « Ido » dum diversaj jaroj, rekuraĝigis min.

Nun mi estas plene konvinkita, ke la venko de la mondlingva problemo kuŝas en la moralaj kvalitoj de L.L. Zamenhof, en liaj sentplenaj poezioj, en nia himno, kiuj kreis la necesan emocistaton por okazigi la miraklon varbi pioniraron.

Mi jus diris « la venko de l' mondlingva problemo », ĉar vere la venko jam estas plene atingita. Kvankam malrapide, la lingvo progresas senhalte : en ĉiuj landoj de l' terglobo seriozaj homoj laboradas silente en la kompilado aŭ verkado de gravaj libroj, kaj ĉiujare aperas veraj trezoroj en nia literaturo. Kompreneble, kulturlingvo ne konsistas el gramatiko kaj vortaro, sed el ĉiuspeca literaturo formata dum centjaroj. Nu, la lingvo internacia estas esence kulturlingvo, kaj iom post iom starigas sian universalan literaturon.

Feliĉe estas en Esperantujo grandaj poetoj, kies verkoj ĉiam pli kaj pli vigligas nian emocion kaj vivigas nian lingvon.

Idistoj kaj aliaj teoriaj mondlingvistoj multe mokis nian poezion, pensante ke la lingvo internacia devas esti logikilo nur, io simila al la komercaj telegrafkodoj, t.e., ke scienco sufiĉas por la homaro.

Miaopinie ili plene eraras kaj nur malutilis la mondlingvan movadon per sia kontraŭesperanta propagando ; ĉar ĉiuj gravaj verkoj de la homaro havas sian radikaron en emocio, en sentaro, ne en simpla logika scienco. La homo estas ĉefe sentema estaĵo, kaj nur en malgrandega grado logikema.

Religie, politike, patriote, ĉiam la homaro agas pro sentoj, sed ne pro logiko. Se la mondlingvo (Zamenhof estis tro modesta por diri « mondlingvo » ; li nur diris « helplingvo internacia ») devus efiki nur sur la racia parto de la homo, ĝi estus malvarma kalkuladmaŝino, eble tre preciza, sed senviva.

Mi nur bedaŭras, ke ne estas ĉie gramofondiskoj kun niaj himnoj entuziasme kantataj kaj niaj poezioj bele deklamataj. Certe tia ofta aŭdado de niaj himnoj kreus la necesan subkonscian forton por laborado multe pli efika ol la simpla legado de libroj kaj revuoj. Riĉaj samideanoj ja povus fondi eldonsocieton por diskoj tiucele.

Ismael Gomes Braga.

Rio de Janeiro, Brazilo.

## Por lingvo pura !

Ni, la anoj de la Esperanto Klubo de Los Angeles, en regula monata kunveno, enaktigas kaj adoptas la ĉi-kunan Rezolucion :

Ĉar : Esperanto estas lingvo konsistanta el kunmetitaj vortoj, uzante sistemon de radikvortoj kunmetitaj kun afiksoj, havante la eblecon esprimi preskaŭ ĉiujn nuancojn de la homa penso per la rimedoj en « La Fundamento de Esperanto » troviĝantaj, kaj,

Ĉar : Pere de la « Interkonsento de Kolonjo » ĉiu ano de ĉi tiu grupo estas ano de UEA do interesata pri la agoj de la altaj instancoj de tiu organizo dum tiuj agoj rilatas la bonfarton de la Esperanto-Movado, kaj,

Ĉar : Grupo de eŭropaj verkistoj kaj eldonistoj jam deklaris ke, por sukcesigi Esperanto-Literaturon, necesas starigi apartan provizon da vortoj por-Literaturaj, enkondukante amason da novaj radikvortoj por esprimi ideojn jam facile esprimeblajn per kunmetitaj vortoj, tiel sennecese pligrandigante vortaron jam riĉa kaj malhelpante la progreson de la Movado farante la lingvon pli malfacile lernebla, kreante, fakte, apartan lingvon por poetoj kaj literaturistoj, kaj,

Ĉar : Altaj instancoj de UEA apogas kaj kuraĝigas tiun reformmovadon kiu provas detrui la belan simplecon de nia mirinda lingvo, publikigante artikolojn el la plumoj de tiaj reformemuloj en la oficiala organo de UEA, Esperanto, kaj laŭde menciante la verkojn de tiaj pekantoj kontraŭ la principoj jam starigitaj de « La Fundamento de Esperanto », tial,

Estas decidite ke : Ni kondamnas, kiel eble plej forte, tian agadon kiel malutilan kontraŭ la bonfarto de la Esperanto Movado kaj, ke ni rekomendas ke la oficialaj organo kaj eldonajoj de UEA estu permesataj enhavi nur materialon de la Esperantista Akademio jam aprobitan, kaj, plie,

Estas decidite ke : Ĉi tiu rezolucio estu metata en la protokolon de ĉi tiu kunveno kaj kopioj estu ekspedataj al la Direktoro de UEA, la Sekretario de EANA, la Japana Esperanto Instituto kaj la redaktoroj de Esperanto, Heroldo de Esperanto, Literatura Mondo, La Praktiko kaj Oomoto Internacia.

Unuanime akceptita kaj subskribita de la Prezidanto de la Klubo :

Parley Parker Christensen.

## AL LA INTERNACIA KONFERENCO, VIENO

**Esperanto en la lernejon kaj la praktikon : Pentekoston 1934**

Nur mallonga tempo disigas nin de la konferenco. Ampleksa klopodado estas farita pro ĝi en ĉiuj landoj. La prepara komitato, en kunlaboro kun UEA, starigis rimarkindan programon ; la tagordo estas absolute laŭcela. Tio nepre devus altiri ĉiujn seriozajn interesitojn pri nia afero, same la esperantistojn, pretajn kunlabori en ekstreme praktika manifestacio. Iuj utilus per simpla ĉeesto kiel subtenanto.

Ni scias, ke miloj da esperantistoj idee konsentas kun ni. Centoj da simpatiantoj certe ŝatus ĉeesti la konferencon, sed ne povas ebligi tion. Tamen ĉiuj povas helpi materie per aliĝo, praktike per nura sendo de dokumenta materialo pri uzo kaj adapteblo de nia lingvo. Ankoraŭ estas tempo almenaŭ tion plenumi.

Nepre necesas, ke la nombro de l' konferencanoj estos sufiĉe granda, por ke nia entreprenado akiru respekton kaj efikon.

Kiam ni skribas tiujn ĉi liniojn kun serioza mieno ni atendas la finrezulton de ĉio. La necerteco pri kelkaj detaloj sufiĉe malhelpas al ni la finordigon de la definitiva agadplano. Kiom pli taŭga povus ĉio esti farata, se ni havus eblecon pri tio. Sed ŝajnas esti sorto de ĉiuj aranĝantoj, laborantaj kun homamasoj, ke ĉiam lastminute oni postulas de ili plej grandan fortostreĉon por renovigi al ili la ateston de organizantoj.

Ĉu estas eble, ke tia entreprenado malsukcesu ? Ni neniel emas atendi tion. Kontraŭe, ni kalkulas pri la spertita helpemo de ĉiam ekzistanta fidelularo, pri fervoro, praktika sento, spirita intereso de multaj aktivuloj. Kaj nia plej granda espero baziĝas sur la konvinko de niaj amikoj, kiuj ja ne sencele okupas sin pri Esperanto. Tiel ni povas optimisme nur atendi plenan sukceson de la konferenco. Ni streĉe metis la bazon. Ni pretigis ĉion. Samideanoj, nur kun via helpo ni povas fari plian gravan paŝon antaŭen. La decido estas en via mano. Ni volas kaj devas progresi. Do, samideanoj, ek' al Vieno, antaŭen sur nia pionira vojo !

Robert KREUZ.

## Programo de la Labor-kunsidoj (Landa Parlamentejo)

Lundo 21-a : 9-a horo.

**Unua Laborkunsido/Ĉeftemo : Esperanto, peranta lingvo**

1) La facila Esperanto. (Provleciono laŭ la rekta metodo).

2) Esperanto, la unua fremdlingvo kiel bazo por la instruado de fremdlingvoj. (Prezento de materialo, argumentoj, spertoj).

3) Esperanto kiel kodo de interkompreno kaj kiel lingvo de korespondado. (pri provoj kaj apliko en la praktiko, materialo, diskuto).

Mardo 22-a : 9-a horo

**Dua Laborkunsido (Daŭrigo) : Esperanto, peranta lingvo**

4) Esperanto kiel internacia helplingvo. (Esperanto parolata en la diversaj kampoj : publika servo, interpretistoj, ktp. materialo, spertoj, sugestoj, proponoj ;

5) Esperanto kiel sola traduk-lingvo en internaciaj intertraktadoj, kongresoj, konferencoj. (Parolado kun praktika eksperimento, la preparo de tradukistoj, materialo, proponoj).

6) Esperanto kiel lingvo de rekta intertraktado. (Parolado kun praktika eksperimento).

Formado de labor-komisionoj.

Merkredo 23-a : 9-a horo

**Tria Laborkunsido : Proponoj por rezolucioj pri la ĝenerala enkonduko de Esperanto en la lernejon kaj praktikon**

Proponoj por rezolucioj pri la ĝenerala enkonduko de Esperanto en la lernejon kaj praktikon.

7) Esperanto en la lernejo.

*a)* En elementaj lernejoj kaj aliĝantaj lernejoj fakaj kaj de perfektigo,

*b)* en mez-lernejoj,

*c)* en komercaj lernejoj.

*ĉ)* Esperanto kiel lektorato en altlernejoj kaj universitatoj.

Jaŭdo 24-a : 9-a horo

**Kvara Laborkunsido/Rezolucioj**

*Proponoj por rezolucioj (daŭrigo).*

8) Esperanto en la praktiko (komerco, trafiko, sciencoj, profesioj).
Proponoj de la labor-komisionoj.
Rezolucioj de la Konferenco. — Fermo.

## Ĝenerala programo de la Konferenco

| Tago (Majo) | Horo | Ejo kaj adreso | Manifestacio |
|---|---|---|---|
| Sabato 19 | 17-19-a | Restoracio Kaiserhof : I. Felderstrasse (kontraŭ la Urbdomo) | Kunveno de la Aŭstria Esperantistaro. Salutvespero. |
| Dimanĉo 20 | 9-a | Minoriten-Preĝejo : Minoritenplatz : Wien I. | Diservo. Esp. prediko. Wiener Knabenchor. |
| » | 10.30-a | Parlamenta Palaco. | Solena Malfermo de la Konferenco. |
| » | 13-a | Komunikota. | Komuna tagmanĝo. |
| » | 15-a | Kobenzl : Promenad-celo viena. | Ekskurso : Belvido sur Vieno. |
| » | 19-a | Grinzing (urboparto de Vieno) | Viena hejmeca vespero. |
| Lundo 21 | 9-a | Landa Parlamentejo (Landtag) Herrengasse. | Laborkunsido : Esperanto, peranta lingvo. |
| » | 13-a | Komunikota. | Komuna tagmanĝo. |
| » | 15-a | Klosterneuburg : (Per tramo) Apud Vieno. | Vizito de la fama abatejo sub gvido. |
| Mardo 22 | 9-a | Landa Parlamentejo (Landtag) Herrengasse. | Laborkunsido : Esperanto, peranta lingvo. |
| » | 13-a | Komunikota. | Komuna tagmanĝo. |
| » | 14.30 | Hofburg (Imperiestra Kastelo) Rathaus-Urbdomo. | Vizito : Kastelo : Esperanto-Muzeo. |
| » | 19-a | Komunikota. | Antaŭvidota : Akcepto oficiala. |
| Merkr. 23 | 9-a | Landa Parlamentejo (Landtag) Herrengasse. | Laborkunsido. (Rezolucioj). |
| » | 13-a | Komunikota. | Komuna tagmanĝo. |
| » | 15-a | Vieno, antikva kaj moderna. | Rondveturo kun klarigoj. |
| » | 19-a | Stata Operdomo. | Vesperto : (Fledermaus) Johann Strauss. |
| Jaŭdo 24 | 9-12-a | Landa Parlamentejo (Landtag) Herrengasse. | Labora kunsido. Fino de la Konferenco. |
| » | 13-a | Komunikota. | Komuna tagmanĝo. |
| » | 15-a | Kastelo Schönbrunn. | Vizito kun klarigo. |
| » | 19-a | Komunikota. | Viena amuza vespero. |

# Esperantistaj problemoj

## XVIII

## Gazet-unuecigo.

Dum longa tempo, ŝatata ludpilko de la esperantistoj estis la organiza problemo. Kiu iam entreprenos skribi historion pri ĝi, plenumos taskon kolosan. La proponoj, projektoj, planoj, kaj eĉ provoj, efektivigi idealan organizon de l'esperantista popolo kalkulas je bona cento, se ne plimulte. Tio pruvas grandan paciencon de l'publiko, ĉar senfinaj estis ja la diskutoj, iafoje eĉ disputoj dum la kongreso pri tiu ĉi problemo. De 1908 (fondo de UEA) al 1922 (Helsinki) ĝis 1934 (Kolonjo) estas unu linio de logika evoluo. Ni esperu, ke serio de jaroj sendiskutaj, permesu trankvilan laboron efikan.

Tamen, laŭ opinio de kelkaj samideanoj unu problemo restas *ne*-solvita. Estas la deziro je la unika gazeto. Pri la organizo, afero ĝenerala, la ideoj pli malpli similis. Facile estis starigi la organizajon, se la povoj decidantaj (kaj plenumontaj ĝin) interkonsentis. La gazeta problemo postulas alian konsideradon.

Estas la celo de tiuj liberaj artikoletoj, informi la esp. publikon, fake kaj kompetente pri tiaj problemoj. La sekvantaj linioj montras kiel prezentiĝas la demando pri la oficiala, unika, semajna, sendependa, altnivela (aldonu laŭplaĉe pliajn kvalitojn !) gazeto. Unu plian econ havu la aspirata gazeto : Esti plej malmulte kosta !

Ni vidu de proksime la aferon.

### ESPERANTO + Heroldo de Esperanto.

Inter la esp. periodaĵoj estas du, kiuj altiras tuj la atenton. Estas la revuo de UEA kaj la semajna « *Heroldo de Esperanto* ». Ambaŭ havas siajn preferojn kaj proksima estis la penso, ke kunigante ambaŭ, oni kunigus du kvalitojn kaj forigus unu malkvaliton : Pli- elspezon por aboni du periodaĵojn. Tiun ĉi ideon esprimis alvoko de S-ro Wannek en Linz, aperinta en HdE N-ro 767 (11 Marto). — La diskutado do estis malfermita. Intence ni atendis iom por konigi nian opinion pri tiu ĉi « problemo », se vere ĝi estas tia.

### Ĝeneralaj konsideroj.

La ideo de centra organo ne estas io nova. Provoj efektivigi ĝin, malsukcesis pro tre gravaj kaŭzoj, ankoraŭ nun ekzistantaj. El la spertoj de 30 jaroj oni lernis tamen iujn verojn, neforigeblajn per idealismo, oferemo kaj eĉ sufiĉaj rimedoj. Tiuj veroj rilatas al ĉiuj esp. periodaĵoj senescepte. Ili estas :

1) Manko de sufiĉe multnombra abonantaro *konstanta*.

2) Tro altaj varbo-kostoj proporcie al abonprezo.

3) Nesufiĉe multaj abonantoj en unu lando kun samaj kondiĉoj. Devus esti 2/3 de l'abonantaro en la aperlando.

4) Proporcie tro alta afranko, rezulto el n-ro 3. Kutime 1/4 de l'tuta kosto estas bezonata por la afranko. (Tio rilatas al internaciaj gazetoj).

5) Pro nesufiĉa nombro de presataj ekzempleroj la kosto de presado estas proporcie tro alta.

Tio estas 5 faktoj nure materiaj. Sed estas ankoraŭ aliaj faktoj kiujn oni povus preskaŭ nomi « moralaj ». Ili estas :

1) Tro granda malsameco de l'esp. legantaro laŭ deveno, eduko kaj laŭ propraj preferoj.

Kaj tio sekvigas :

2) Simplecon (por eviti vorton : banaleco) de enhavo, devigan por altiri kiom eble plej altan nombron.

Kaj kontraŭe :

3) Periodaĵon kiu estas tro malfacile legebla por meza leganto (la amaso) kaj sekve nura privilegio de malgranda nombro (elito).

La pruvoj pri tiuj konstatoj estas facile montreblaj. La ekzistintaj periodaĵoj specialaj, ĉu sciencaj, ĉu literaturaj ne povis atingi eĉ *unu* milon da regulaj abonoj. Kontraŭe la ĝenerala periodaĵo « Heroldo de Esperanto » atingis unufoje, en la jaro 1925, 2800 regulajn (tutjarajn) abonantojn. Tio estis en tempo de ekonomia bonstato, kian ni tre dezirus revidi.

Fina konkludo estas, ke la plimulto, se ne ĉiuj, esp. periodaĵoj dependas :

1) De la bonvolo de oferema eldonanto, de la libervola kunlaborado kaj de l'senpaga, aŭ en kelkaj okazoj nur tre modeste pagata redaktado.

2) De la kredito, kiun konsentas entuziasma presisto, esperante vidi konkretan sukceson.

### La nuna situacio.

Se estus forta deziro, ke ekzistu nur unu semajna gazeto oficiala aŭ ne, tiam la eĥo de l'alvoko en HdE devus esti signo ! Nu, la realeco estas, ke sekve de l'alvoko, la Centra Oficejo de UEA ricevis... kara leganto... ne miru, *tri* leterojn unu *por*, unu *kontraŭ*, unu sen firma sin-esprimo. Kaj la redakcio de HdE kiu metis la problemon al publika diskutado ricevis 40 on da korespondaĵoj. Se tiom eta estas la intereso dum diskutado, kiom ĝi estus se temus pri konkreta helpo, do la abonado ?

Tamen necesis, ke ni tranĉu la aferon por havi klarecon. UEA invitis la posedanton de « Heroldo de Esperanto » al Ĝenevo por prezenti sian planon, al la kunveninta estraro.

El la proponoj faritaj rezultas, ke la eldono de kunfandita *Esperanto* plus *Heroldo de Esperanto*, kun semajna apero, jare proksimume 400 paĝoj, kostus inter 60.000 ĝis 65.000 Frankoj svisaj, por eldonnombro de 6.000 ekzempleroj. La kosto de la nuna *Esperanto* kun 200 paĝoj jare *kun redakcio*, estas 12.500 ĝis 13.000 Frk. La Estraro speciale rimarkigis, ke la elspezo por nia revuo estas proporcie multe pli malalta ol la propono de Sinjoro Jung pri presado de io nova, neklare nomita *kunfandiĝo de Esperanto kaj de Heroldo*.

Konkludo estas tre simpla. Ĉu vi, kara leganto, vidas nuntempe en tempo de ekonomia ĥaoso, eblecon, atingi minimumon de 5000 abonantoj kiuj kapablus pagi inter 12.50 ĝis 15 Frankoj svisaj por nura abono, *sen* kotizo ? La estraro konstatis, ke ne estas eble altigi nuntempe iujn prezojn kio estus memmortigo en tempo de ĝenerala falo de la prezoj, de salajroj, de rentumoj.

Kion kompetentulo jam sciis antaŭe, tion konstatis nun definitive la Estraro de UEA. Eĉ por landoj kun ankoraŭ alta vivnivelo, pli alta abonprezo estas nepagebla aŭ nur al eta nombro kiu tion jam faras, abonante plian periodaĵon.

### Organizo kaj gazeto.

Estas ja facile, verki flaman artikolon, kaj postuli « altnivelan gazeton, malmultekostan » k.t.p. Estas la privilegio de novelistoj krei fantaziaĵojn sub formo de agrabla legaĵo. Kiam temas pri nura negoco kaj kalkulo estus konsilinde, ke nur parolu la fakuloj. Supozante, ke ne ekzistus la nuna financa malordo en la mondo, ke ekzistus intereso vera ĉe la esperantistaro por tiu ĉi propono, la efektivigo renkontus seriozajn malhelpojn post la Interkonsento de Kolonjo. Ĉu neniu el tiuj bonvolaj kaj bonintencaj admonantoj, pripensis, ke post la interkonsento, UEA ne estas plu la sama kiel antaŭe, en multaj rilatoj? Estas la Landaj Asocioj, kiuj prenis sur sin certan respondecon kaj ĉia ŝanĝo de kotizo devus esti akceptata de la plimulto, por ke ĝi havu materian fundon. La unuecigo de la organizo logike sekvigis la unuecigon de la kotizoj en la plimulto de la landoj. La unika kotizo ekzistas kaj funkcias. Dum la kunsido, Estrarano tre bone rimarkigis, ke, se oni povus liveri anstataŭ la nunan *Esperanto*, periodaĵon similan al *Heroldo*, semajne k.t.p. sed por la sama prezo kiel la kotizo de Membro-abonanto, tiam li akceptus ŝanĝon. Sed tio estas neeblaĵo, kiel montris la ciferoj.

### Alia solvo.

Sed trudiĝas alia solvo. Apud la du internaciaj periodaĵoj ekzistas la naciaj gazetoj, kiuj ankaŭ fartas malbone, escepte du aŭ tri, kiuj nuntempe floras. Estis legita dum la kunsido propono pri unuecigo de nacia gazeto al *Esperanto*. Kaj jen la propono:

1. *Esperanto* estas regule presata kun 16 paĝoj. Tio permesas, ke por *sama afranko* oni povus aldoni pliajn 8 paĝojn. (Rimarku, ke la afranko estas tre grava elspezo).

2. Por certaj Landaj Asocioj, oni povus kunpresi 4 ĝis okpaĝan gazeton sub formo de Bulteno, sed kun la revuo *Esperanto*, ambaŭ redakcie kaj enhave sendependaj.

3. La kosto de tia aldono estas kompare *malpli alta* ol la sendependa eldono. Por la personoj, kiuj aliĝas kiel Membroabonantoj al UEA, rezultus ia ŝparo.

4. De la kompostaĵo de tiu ĉi nacia gazeto oni povas fari represojn je malalta kosto, liverota al la personoj kiuj *ne* povas esti Membro-abonantoj.

5. Tiu ĉi nacia aldono nur estus farata por la koncerna lando (Aŭstria por la kvanto destinata por Aŭstrio, Ĉeĥoslovaka por Ĉeĥoslovakio; Belga por Belgujo k.t.p.).

6. Konkludo: Unueca organizo-unueca periodaĵo, internacia kaj nacia. Logika formulo, kvankam la praktika efektivigo postulas paciencon. Sed la esperantistoj atendas, ke oni simpligu, ke oni malaltigu certajn kostojn, ke oni profitu de farataj elspezoj en pli larĝa maniero.

* * *

La Estraro de UEA esprimis sin favore pri tiu ideo. La estonto montros, ĉu al interkonsento pri organizo povos sekvi interkonsento pri gazeto.

H. J.



## Turisma Servo de UEA

### Al Aŭstrio.

Jen belega faldprospekto, (prospekto estas preskaŭ ofendo por tia presaĵo) eldonita de la Ministerio por Komerco kaj Trafiko.

Etendita sur spaco de 45 cm alta kaj 60 cm larĝa, la presaĵo montras la geografian karton de Aŭstrio, ĉirkaŭitan de 14 mirinde belaj bildoj el tiu ĉi alpa lando. Krome estas 10 aliaj bildoj kaj bona teksto klariga en ŝajne speciale elektita skribo tre neta kaj distinga. Konkludo de l'teksto:

Aŭstrio vin invitas!

### Slovenio.

Pri Slovenio, parto de l'jugoslava reĝlando, nuna Drava provinco kun la ĉefurbo Ljubljana informas gvidfolio, faldprospekto, etendita 60 cm alta, 20 cm larĝa kun 20 ilustraĵoj, bona teksto multinforma. La prospekton eldonis « Putnik » la Vojaĝa Oficejo laŭ klopodoj de l'loka grupo, speciale de S-ro Kozlevĉar, Delegito de UEA.

**Centmiloj da Esperantistoj? Ne troigu! Pruvu ke estas Dekmiloj kaj helpu vivteni UEA per via aliĝo de Subtenanto!**

# Literaturo

## Lingvo kaj mistiko

Al Ligo de Nacioj mankas ia mistiko. Por ke ĝi fariĝu komuna patrujaro laŭ usona bildo de Unuigitaj Ŝtatoj, necesus ia propra patriotismo, ia kredo, ia lingvo, ia religio aŭ adoro por subteni ĝian moralon.

Nur statuton ĝi posedas. Tro seka ĝi estas.

Ĉiu regno havas patrujamon por sin helpi. Tro juna estas la Ligo por esti amata aŭ adorata. Ankaŭ tro malegaleca. Ties gvidantoj mem pliamas sian hejman patrujon. Dumlonge la svisa respublikaro spertis la samon. Iom post iom komuna sindefendo, kunbatalo, armeo kaj tutlandaj pafkonkursoj fariĝis la plej forta ligilo. Pro tio multaj intelektuloj tiom ŝatis armeon. Ke ekzistas alia ligilo multe pli solida, tion ili nur poste komprenis.

Militan religion la Ligo ne povis krei al si, ĉar ja por forigi militon ĝi estis fondita.

El kolektiva bezono al paco ĝi vivas. El popolaj sopiroj al konkordo ĝi sin nutras. Aranĝitan katekismon pri siaj celoj ĝi klopodis instruigi en la lernejoj. Sed la Statuto de la Haga Tribunalo aŭ la Liga Kontrakto de Wilson nek kortuŝas geknabojn, nek entuziasmigas junularon, se ne vivigas ilin escepte fervora instruisto.

Jura dokumento, diplomata organizo, burokrataj oficejoj, jen pano por pripenso, sed ne lakto por la koro. Kompare, la naciaj patrujoj sidas pli avantaĝe. Ili havas propran flagon, lingvon aŭ tradicion, poezion kaj muzikon, glorajn memoraĵojn, brilkoloran historion, unuvorte senton, emocion.

Ĉio simila mankas al la Ligo. Nova estas ĝia sperto, abstrakta ĝia leĝo kaj seka ĝia dulingva literaturo. De la komenco du grandpotencoj plenigis la oficejojn per siaj regnanoj kaj trudis siajn du lingvojn kiel sole oficialajn.

Ĉe la kunvenoj, la ceterlingvaj delegitoj estas devigataj peni por legi angle aŭ france manuskripton antaŭskribitan, dum oratoro el Parizo aŭ Londono rajtas ilin fulmotondri per elokventa parolado en sia nacilingvo. Foje la diplomatoj estas multlingvuloj. Malofte la gvidantoj mem de la popolo. Kiu hejme kapablas entuziasmigi amasojn, tiu sama en Ĝenevo fariĝas vireto ĝenata, komplete dependa de tradukistoj. Nur imagu iun Briand en Nanking aŭ Tokio por ekkompreni la maljustaĵon per supoza renverso.

Eĉ pli grave suferas la publika opinio en ĉiuj landoj. Al bezonata sento pri *komuna patrujaro* entute mankas organo. Por vivi aŭ kreski ĝi ne havas eĉ akvon. Ĉion, kion faris centra lingvo por unuigi vastan landon kiel Francujon aŭ Usonon, tio malestas. Iam la lingvo latina kunigis la kristanan mondon. El uzo moderna ĝi plene forfalis sen ia espero al praktika reviviĝo.

La mondon Islaman servas araba lingvo, komuna ligilo kaj esprimilo. Vivanta kaj kapabla ĝin konservis senhalta uzado.

Ekzistas ja sperto tutmonda pri helplingvo kaj federala sento sur malgranda skalo : la esperantista eksperimento. Multaj kleruloj ĝin ignoras. Ili nescias, ke ĉiudutage aperas nova libro en Esperanto kaj ĉiumonate amaso da gazetoj en tiu lingvo. Neniam ili aŭdis, ke ĝin parolas kiel solan kongreslingvon grandaj internaciaj kunvenoj kaj aplaŭdas elokventajn oratorojn el diversaj landoj.

Tie la hungara delegito gravas kiom la usona, la ĉina kiom la franca. Neniu timas tie fari erarojn uzante fremdan nacilingvon de potenca najbaro. Pli certa pri si mem kaj pli egala kun aliaj, ĉiu sin esprimas pli trafe kaj libere.

Okazis kunvenoj de kleruloj, komercistoj, laboristoj, edukistoj, katolikoj, ĉiuj kun aparta ligo internacia. Sed komuna estas la helplingvo. Krom angla, franca kaj germana, Esperanto estas nuntempe la sola lingvo uzata de prelegistoj por organizi rondvojaĝojn kaj rekte alparoli ĉie, sen traduko, naciajn aŭdantarojn en urboj kaj urbetoj de kvin kontinentoj.

Pri Esperanto enketis eĉ Ligo de Nacioj. Tion decidis ĝia dua ĝenerala kunveno. Ĝi trovis dekkvin ŝtatojn instruantajn la lingvon en diversaj lernejoj kaj kalkulis okcent mil plenaĝulojn sekvintajn publikajn kursojn. Sir Eric Drummond malfermis en la Sekretaria Palaco Konferencon de edukistoj pri la rezultatoj atingitaj per tia instruado. Deksep ŝtatoj partoprenis.

La raportintoj insistis pri la morala efiko al la geknaboj. Esperanto estas neŭtrala. Ĝin ilustras verda flago, el espera koloro, apud la nacia flago. Ankaŭ ĝi posedas himnon pri la nova sento kaj espero je konkordo. Stariĝas infanoj por ĝin kanti post la nacia himno.

Kun lernantoj alilandaj ili korespondas. Geografion ili lernas. Bildojn kaj specimenojn ili interŝanĝas. Grupe ili vojaĝas. Ilin eksterlando ĝoje bonvenigas. Por ili la nova lingvo simbolas idealon de kunlaboro kaj egaleco inter la popoloj super la diversaj kredoj politikaj aŭ kulturaj. Ekzistas jam vasta literaturo kreskanta ĉiutage pri laboroj de scienco, paco kaj belarto.

Tion konstatis la Liga raporto kaj ĝin akceptis per voĉdono la tria ĝenerala kunveno[1].

Sed nenion pri lernejoj oni decidis. Pri gravaj aŭ malgravaj aferoj de ĝenerala utilo, pri senarmigo, pri doganoj, pri trafiko, pri helplingvo, pri ĉio ajn la Ligo, jam de la komenco, voĉdonis nur pri raportoj, malofte pri decidoj.

Lord Cecil kuraĝigis la esperantistojn plivastigi la eksperimenton. En la Komisiono por intelekta kunlaboro la ministro Léon Bérard kontraŭbataligis Esperanton, kiun li malpermesis en francaj lernejoj malgraŭ favora petskribo de dudekvin scienculoj, membroj de l'Akademio.

Post kiam nuligis lian dekreton nova franca registaro, la Kvina Kunveno de la Ligo rekomendis, ke ĉiuj ŝtatoj akceptu samtarife kiel nacilingve kaj latine la telegramojn en Esperanto, konsiderata kiel « praktika helplingvo de internacia komunikado. »

En 1925 la regnoj de l'Interŝtata Telegrafa Unio, ĉe Pariza Konferenco, decidis tion per ŝanĝo en la statuto.

Kio interese elstaras el la duoncentjara sperto pri Esperanto, tio estas la nova mistiko aŭ ara sento, kiun ĝi disvastigis sur la kampo de interpopola toleremo kaj etiko.

Tiun apartan fadenaron de kolektivaj emocioj delikate analizis angla psikologo[2].

Ĝuste ĉar ĝi vivas el sento propra, simile kiel nacilingvo, tial Esperanto riĉiĝis kaj fleksebliĝis tiom, ke ĝi sukcesis eĉ allogi novelistojn, oratorojn, eĉ poetojn, kiuj nun uzas ĝin por trafi rekte ĉiulandan publikon, se ne vastegan, almenaŭ tutmondan. Verko tuj legata en kvindek landoj kaj rimarkata de kelkaj ĵurnalistoj en ĉiu regno ricevas kalkulindan atentigon.

Edmond Privat.

(El baldaŭ aperonta « Interpopola Konduto ».)

[1] Ligo de Nacioj. L'Esperanto comme langue auxiliaire internationale, rapport adopté par la IIme Assemblée. Genève, 21 Septembre 1922.

[2] Profesoro Flügel, Londona Universitato : Psikanalizo de la esperantista movado. London 1924.



Nordaj cervoj, tranaĝantaj riveron.



Interno de lapona tendo.

# Nordaj nomadoj

**Popolo liberigita de militservo kaj imposto — Lernejo kaj maljunula hejmo kun radio por laponoj.**

La norda lando de la laponoj ne havas precize fiksitajn limojn : kie troviĝas ebleco por nutri la nordcervojn, tie oni trovas la laponojn. La laponoj, ĉu ili estas svedaj ŝtatanoj, ĉu norvegaj, estas liberigitaj de du « benoj de la civilizo » : ili nek pagas imposton, nek ilia vira junularo devas partopreni soldatservon. Speciale la svedaj aŭtoritatoj zorgas konscience, ke la laponoj ĝuu plenan liberon, kiun tiu nomada popolo bezonas kaj oni klopodas eviti altrudon en iu ajn formo, por konservi la laponan popolon laŭeble originale.

En la altnorde kuŝanta Jukkasjärvi oni povas fari vere interesajn laponstudojn. Sovaĝa neĝvento regas tie plej-parton de l'jaro kaj kiu ne kutimiĝis al la malmola klimato, ne fartas hejmece... Oni vidas vicon da piramidaj tendoj. La tendoj ne havas fenestrojn. En tiuj tendoj sidas areto da malhel-haŭtaj infanoj, kun libroj kaj kajeroj sur siaj genuoj. Ĉiuj kaŭras sur la planko, en rondo, meze de ili la instruisto, ankaŭ li lapono. Nu, ili ne lernas integral-kalkuladon kaj filozofion, sed certe almenaŭ skribadon kaj legadon. La laponaj junuloj pasigantaj la plejan parton de sia tempo ekstere en la liberaj vastaĵoj apenaŭ bezonas pli da studado.

Ne pasis multe da tempo de la epoko, kiam la instruistoj devis kolekti siajn lernantojn en la arbaroj kaj fari okazan instruon, ekzemple kiam mallumiĝis, oni kolektiĝis ĉirkaŭ fajro en la naturo kaj iu sledo (t.e. glitveturilo) servis kiel skribtablo. Kaj, kvankam la ŝtato kovras la kostojn de l'instruado, la laponaj gepatroj komence ne tre volonte konsentis, ke iliaj infanoj lernu el la libroj mensogojn, aŭ aĵojn tute senbezonajn. Sed la laponoj havas sufiĉe fidindan karakteron. Se foje ili konsentis sendi siajn infanojn al instruado, ili ankaŭ igas tiujn resti ĝis la fino de la lernejkurso ne nur dum la komenco, kiu havas freŝecan allogon. Malgraŭ lernejeduko la laponoj restas ĉiam liberema popolo.

En Kiruna la ŝtato starigis maljunulejon por laponoj. Sed ties anoj ne loĝas tie dumvive, aŭ dum la tuta maljunaĝo. Nur kiam la vintro alsendas siajn antaŭsignojn kaj iu aĝa lapono sentas, ke li ne plu povas sekvi la aliajn familianojn dum la vintra migrado, li aŭ ŝi rajtas travintri en la grandioze aranĝita hejmo tiom longe kiom tio plaĉas. En la maljunulejo estas elektra lumo, banejo kaj modela kuirejo aranĝita laŭ la postuloj de l'plej moderna higieno. Komuna konversaciejo kun komfortaj seĝoj, floroj sur la tablo, fenestrobenkoj. Ĉar tiuj maljunuloj apenaŭ havas dentojn, oni preparas la manĝaĵon laŭ taŭga maniero. Ne mankas radio.

Malgraŭ ĉio la filoj de l'arbaroj kaj marĉoj sopiras el la moderna sed fermita paradizo al siaj liberaj vastaĵoj en la senlima naturo. Ne pro maldankemo vekiĝas tiu sopiro al ekstero, sed pro kunnaskita amo al la naturo. Tiuj ĉi maljunuloj streĉe atendas ke la suno revenu. Ĉar kune kun la luma sezono revenas iliaj familianoj por kunpreni siajn maljunulojn, se tiuj ne mem ekiris renkonte al la familio. Sed kelkfoje la familianoj ne plu renkontas siajn maljunajn karulojn, ĉar ili formigris al la « eternaj ĉaskampoj ».

Spite al ĉiu prizorgo de la sveda ŝtato la lapona nuanco iom post iom forviŝiĝas el la kolorriĉa pentraĵo de l'vivantaj popoloj... (Tiberio Morariu).





*Dekstre:* Laponoj kaj nordaj cervoj
*Maldekstre:* Lapona tendaro.

# Münchhausen en Aŭtarkistano

*(La jena bonhumoraĵo, ironias pri la febra klopodo krei ĉinan muron, ĉirkaŭ ĉiu lando kaj starigi staton de memsufiĉeco je propraj produktaĵoj = Aŭtarkio.)*

Barono Münchhausen plenigis sian glason denove kaj daŭrigis sian rakonton :

Forpasis multaj semajnoj, miaj karaj amikoj, antaŭ ol mi povis trovi ŝipestron, kiu estis preta entrepreni kun mi veturadon al la insulo Aŭtarkistano. Dum longa tempo, ĉi tiu insulo havis por mi specialan stimulon, sed mi neniam havis okazon, viziti ĝin. Ĝi kuŝas meze en la granda oceano kaj estas alirebla tre facile. Malgraŭ tio, nur tre malmultaj vojaĝantoj vidis ĝin, ĉar ĉiu fremda ŝipo alproksimiĝanta al ĝiaj havenoj tuj estas atakata.

Antaŭ unu generacio ankoraŭ Aŭtarkistano estis unu el la ĉefaj mondekonomiaj potencoj. Grandega riĉeco tie amasiĝis en ĉiu jaro. Aŭtarkajn ŝipojn kaj aŭtarkajn komercaĵojn oni renkontis en ĉiuj partoj de la mondo kaj la plej noblaj produktoj de ĉiuj landoj trovis en Aŭtarkistano nefermitan merkaton. Ekokaziĝis la mondmilito, kiu konfuzigis la malnovan internacian ekonomian sistemon. En Aŭtarkistano ekleviĝis naciema movado kun la devizo : « Aŭtarkistano por la Aŭtarkanoj ! » La movado rapide etendiĝis, akiris fine la potencon kaj ŝanĝis la tutan ekonomian politikon en ĝian malon. La importo de fremdaj varoj estis malpermesata je mortpuno ; de tiam Aŭtarkistano estas vivanta tute el propraj rimedoj.

La veturado al la bordo de ĉi tiu lando okazis sen malhelpaĵoj. La kvaran tagon mi ekvidis teron. La suno ĵus ekleviĝis kaj ĵetis siajn unuajn radiojn sur kolosa muro, kiu ĉirkaŭzonis la insulon. Sed la muro tute ne estis la plej granda frapaĵo, kio prezentiĝis al miaj okuloj. Multe pli impresplenaj estis la sennombraj fabrikkamentuboj, kiuj enstaris en la ĉielon kaj per grandegaj literoj montris la surskribaĵon « Tohubohu », kio signifas : « Aĉetu enlandajn varojn ».

Sed ne estis permesata al mi studi la bordon de la lando pli detale, ĉar malgranda boato jam estis alveninta al nia ŝipo kaj ni estis demandataj, kion ni serĉus en Aŭtarkistano. Nur post longaj kaj malfacilaj intertraktadoj mi ricevis specialan permeson albordiĝi. Sed al mi estis permesita tie resti nur unu tagon kaj nur sub kondiĉo, ke mi precize priatentus ĉiujn morojn kaj kutimojn de la lando. Tamen mi esperis ricevi je vespero plilongigon de ĉi tiu permeso kaj forlasis la ŝipon plena da esperoj.

Nia boato rapide traveturis la havenon, kiu laŭŝajne utilis nur kiel ankroplaco por remboatoj, ĉar krom tiaj oni ne rimarkis alian vivsignon. Meze de la haveno estis granda monumento. Ĝi montris viron staranta en ringo, kiu tre similis al malmoderna, malbona agento. Miaj akompanantoj estis terurigitaj, kiam mi ne ĝenufleksis antaŭ ĉi tiu monumento, kaj ili klarigis al mi, ke ĝi prezentus la patronon de la insulo, la Sanktan Bankruptius, la profitdion, ĉirkaŭ ties adorado koncentriĝas la religio de la Aŭtarkanoj. La plej piaj postuloj de ĉi tiu religio ordonas, ke ĉiuj prezoj devas esti kiel eble plej altaj, je kio la idealo tiam estas atingita, kiam la prezoj estas tiel altaj, ke neniu persono plu povas pagi ilin, dum aliflanke la salajroj devas esti kiel eble plej malaltaj. Oni diris al mi, ke tio estus la plej oportuna vojo, por prosperigi la ekonomiajn interesojn de la lando. Se pro la altaj prezoj la produktitaj varoj stapliĝas, ili estas oferataj al la Sankta Bankruptius, aŭ ili estas ĉe liaj piedoj forbruligataj aŭ ĉirkaŭ la monumento ĵetataj en la maron[1].

Sed por eviti, ke la haveno estu plenigata iom post iom per ĉitiuj oferoj, la Aŭtarkanoj elpensis bonegan proceduron por ĝia eldragado kaj por transporti de tempo al tempo la oferaĵojn en la profundan maron. La tuta lando estas fiera je tio, ke ĝi kapablas oferi al sia patrono tagtage milojn da tunoj de la plej bonaj komercaĵoj.

Jam sur la ŝipo, la stranga aperaĵo de la Aŭtarkanaj oficistoj havis intereson por mi. Malgraŭ la rigida malvarmeco ili portis vestaĵojn el papero. Irante al bordo, mi vidis je mia miro, ke ĉiuj personoj portis ĉi tiujn paperajn vestaĵojn. Poste mi eltrovis la kaŭzon. Aŭtarkistano ne havas alian tekskrudmaterialon ol kotonon kaj sekve de iu eltrovaĵo, kiu okaziĝis dum 1933, kotono ne estas uzata por vestaĵ celoj, sed por stratpavimigado[2]. Oni rakontis al mi, ke du futojn sub la surfaco de ĉiuj stratoj en Aŭtarkistano kuŝas dika tavolo de kotono, fakto, kiu tre plifaciligas la veturadon.

La kotonprezo tiel alten leviĝis pro ĉi tiu stranga procedo, ke nur malmulte da plej riĉaj personoj de la lando povis aĉeti kotonajn vestaĵojn. Poste laŭta blekado altiris mian atenton. La plej afabla el la Aŭtarkanaj oficistoj ekvidis, ke mi ne sciis, pri kio temis, kaj klarigis min ke oni gvidas la kutiman tagan kvoton da brutoj en buĉejon, kie ili dum malmultaj momentoj estas ŝanĝigataj en gluaĵon. Oni rakontis al mi, ke ĉiu monate minimume 50.000 pecoj da brutoj — sanaj bovoj kaj eĉ bovidoj — estas ŝanĝigataj en gluaĵon[3]. « Kion oni faras el tiu gluaĵo ? » mi demandis. « Kia demando ! Ĉu vi ne scias, ke oni instalis ĉirkaŭ la tuta insulo dikan, unu kaj duono da kilometro larĝan tavolon de gluaĵo, kiu malhelpas ĉiun eksterlandanon alproksimiĝi la muron kaj transgrimpi ĝin ? » Oni sciigis min, ke en ĉi tiu defendzono ekzistas vojo, larĝa nur malmultajn metrojn, kaj sur ĉi tiu vojo ni fine eniris la internan landon. Se eksterlandano provas eniri je iu ajn alia loko, li estas retenata de la gluaĵo kaj malsatmortas mizere, same kiel muŝo sur muŝpapero. Tamen depost la unuaj tagoj de la nova ekonomi-ordo de la Aŭtarkana ŝtato ankoraŭ neniu eksterlandano estas kaptita per ĉi tiu maniero. Sed la defendo de la lando kontraŭ fremduloj ŝajnas esti tiel grava al la enlandanoj, ke ili estas volonte pretaj oferi pro ĉi tiu celo 50.000 brutojn monate.

Fine ni estis alvenintaj. Hejme mi ne estis povinta prizorgi Aŭtarkanan monon, ĵus ĉar Aŭtarkistano ne havas eksterlandan komercon. Tial mi tuj iris en la plej grandan bankon por ŝanĝigi kelkajn bankbiletojn. « Kio estas tiaj bildetoj ? » demandis la kasisto. « Tio ne estas bildoj », mi respondis, « estas bankbiletoj, valorplenaj bankbiletoj kun cent procenta ora garantio ». Ĉi tiu klarigo laŭŝajne signifis tut' nenion al la viro. En Aŭtarkistano oni jam de longe ne plu bezonas monon, pri kiu nur ankoraŭ rakontas la historilibroj de pasintaj tempoj. Tie oni interŝanĝas la varojn. Kaj la kasisto konsilis min, oferti pro interŝanĝo mian ringon aŭ mian horloĝon, se mi intencus ion aĉeti ; samtempe li afable avertis min, ke je tio mi devus esti tre singardema, ĉar se la polico kaptas min, mi riskas la mortpunon pro malpermesita importo de eksterlandaj varoj. Mi dankis al la viro kaj foriris.

[1] Brazilo, Kanado, Argentino, Usono.
[2] Usono.
[3] Nederlando kaj Danlando.

Kiam mi ree forlasis la bankejon, bonega odoro de freŝrostita kafo pikis min en la nazo. Kaj subite mi eksentis, ke mi preskaŭ estis malsatmortinta. Estis jam post la dekunua matene, kaj pro mia senpacienca espero, kiel eble plej rapide albordiĝi, mi estis forgesinta la matenmanĝon sur la ŝipo. Do mi demandis la proksiman policiston, kie mi povus trinki plej bone kafon. « Trinki kafon ? » Li rigardis min kvazaŭ mi iĝus freneza, « kafo tute ne estas trinkaĵo ; ĝi estas bonega nutraĵo por porkoj, tamen ĝi ankaŭ estas uzebla kiel hejtmaterialo, memkompreneble, sed trinki — ne[1]. Certe ne en Aŭtarkistano. Kiamaniere vi cetere intencas trinki kafon, ĉar ĝi tute ne estas fluida ? » Mi vidis, ke estis sencele, pridisputi kun la viro kaj nur demandis lin, de kie elvenas la odoro de freŝa kafo. Li montris al la grandegaj kamenoj, kiujn mi jam ekvidis el de la ŝipo kaj diris al mi, ke tio estas la fabrikejoj de la National Recovery Industry de Aŭtarkistano, kiu serĉas ĉiam novajn metodojn por konsumi la enlandajn produktaĵojn. En ĉi tiu momento, ili forbruligis jus kafon por hejtigi grandegajn varmdomojn, kie oni estis kulturinta depost monatoj tropajn fruktojn.

« Sed tio devas esti terure multekosta », mi diris. « Kial do vi ne aĉetas ĉi tiujn fruktojn en landoj, kie ili kreskas sur libera kampo, kaj vi pagas ilin per la kafo, per kiu vi nun hejtigas la varmdomojn ? Certe tio estus malpli multe kosta ! » Dum momento la policisto staris pro teruro senlingve, tiam li ordonis min sekvi lin. En la proksima policejo mi ekaŭdis, ke mi estis aginta kontraŭ la blasfemparagrafo de Aŭtarkistano kaj pro tio mi estis kulpa de mortpuno. Ĉar mi estis la unua eksterlandano vizitanta depost multaj jaroj la landon, oni estis indulgema. Tamen pli longa restado sur la insulo estis ekster demando. Dum unu horo mi devis forveturi kun mia ŝipo, se mi ne volis esti dronigata en la gluaĵzono antaŭ la muro.

Rapide mi reiris al la haveno. Intervoje mi vidis, ke la homoj ekstere de siaj domoj trinkis el tasoj kaj je tio ĉiam ree kisis la murojn de siaj domoj. Mi supozis, ke ili faris specon de kulta agado, tamen mi pro certeco demandis indiĝenon. Li rakontis al mi, ke laŭ eltrovaĵo farita en la jaro 1933, alaĵo de sukero pli malmoligas la cementon kaj ke de tiam konsiderinda procentaĵo de sukero estas intermiksata en la alkalkaĵo de la domoj. Ĉi tiu procedo pli altigis la sukermerkaton kaj ĝoje tiom alten puŝis la prezon, ke sukero iĝis tro multekosta por la malriĉaj homoj tiel ke ili por dolĉigi sian matenmanĝakvon forlekis la murojn de siaj domoj.

Post ĉi tiu lasta travivaĵo mi estis kontenta foriri kiel eble plej rapide, ĉar la stultaĵo en Aŭtarkistano incitis miajn nervojn. Barono Münchhaŭsen faris longan tiron el sia pokalo kaj volis daŭrigi sian rakonton, kiam liaj amikoj igis lin silenti kaj petis lin minimume gardi ioman ŝajnon de vero, ĉar neniam li estis tiel videble mensoginta kiel ĉi-foje. Münchhaŭsen ridis maldolĉe : « Ĉu vi opinias, ke mi mensogis rakontante al vi la vivon en Aŭtarkistano ? Povas esti, ke mi je okazo iome ornamis miajn rakontojn, tamen, miaj amikoj, vi povas kredi min, hodiaŭ mi esceptkaze diris la nuran, puran veron kaj ĝuste hodiaŭ vi ne volas kredi al mi. » Kun ĉi-tiuj vortoj Münchhaŭsen ekleviĝis kaj malgaje forlasis la gastejon.

*El revuo The Economist.*

(Trad. : Wolf ZICKLER.)

[1] Brazilo.

# Tra la libraro

**Religiaj verkoj — Politiko — Esperanto-Movado.**

*Kio estas Oomoto*, aperas en 5-a eldono, pruvo ke ĉiam pli multaj interesiĝas pri tiu etiko, naskita en Japanujo, kiu celas kunigi ĉiujn kredantojn en supera spirita unuiĝo. La volumeto, kun bildoj, informas pri deveno, fondintoj, historio, instruo kaj agado de tiu iom metafizika kredaro, kies profeto kaj nuna gvidanto estas majstro Onisabro Deguĉi.

Interesa libreto, laŭ enhavo kaj laŭ preso estas *La Samanta-Mukha Parivarto*, aŭ Evangelio de Avalokiteŝvaro. Ĝi estas unu ĉapitro de budhisma sankta skribaĵo, kies ĉinlingva traduko forte influis la japanan literaturon en mezepoko. La traduko de Kiuĉi Nohara, laŭ la sanskrita originalo, havas parton prozan kaj parton versan. Tiu lasta estas plie represata paralele kun sanskrita literaro, kun ĉinlingva traduko, kaj kun ties japana prononco. Vortareto klarigas la proprajn nomojn. Sur aparta folio la tradukinto pledas por la formo Budho anstataŭ Budao, ĉar pli belsona, pli ĝusta laŭ akcento, pli oportuna por derivaĵoj. Noto pri la presigo diras, ke la sanskrita parto ne estis facila, ĉar profesiaj tipografiistoj ne konas la uzitajn devanagariajn literojn. Jen parto de tiu preĝo, aŭ litanio al Avalokiteŝvaro, sanktulo kaj simbolo de dia amo :

« 5. Se homo estas enpuŝita en fornegon de malbonulo,
kiu celas lin mortigi,
Remoru li Avalokiteŝvaron ; la fajro estingiĝos
kvazaŭ akvoverŝita.
6. Se homo enfalos en danĝeran maron, kie loĝas drakoj,
marmonstroj kaj malbonspiritoj,
Rememoru li Avalokiteŝvaron ; li ne subiros
sub la reĝon de l' akvo.
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
10. Se homo sub la povo de ekzekustistoj, jam staros
ĉe l'ekzekutejo,
Rememoru li Avalokiteŝvaron ; la glavo
rompiĝos en pecetojn.
11. Se homo estos ligita per ligna aŭ fera
malliberigilo,
Rememoru li Avalokiteŝvaron, ligo
baldaŭ malstreĉiĝos. »

La : *Katolika Esperanto-Preĝareto*, estas dua korektita eldono, kolekto da preĝoj por diversaj okazoj, kaj de litanioj.

En la : *Komentoj al la Komunista Manifesto*, kompilinto T. Veder tradukis : Enkondukon al la Komunista Manifesto de Arnold Petersen, kiu precipe aludas al socia batalo en Usono : ĉapitron de l' sama aŭtoro pri Socialista Industria Unuiĝo, kaj trie : la antaŭparolon verkitan de Engels en 1888, kiu ne estis aldonata al la esperanta traduko de l' « Manifesto ». La unua pli longa parto pruvas, kiom aktuala kaj profeta estas la fama verko de Marks kaj Engel ; ĝi ankaŭ batalas kontraŭ Socialdemokratio, kiu kaŝe subtenas kapitalisman ekonomion, kaj kontraŭ Anarkokomunismo, kiu blinde volas imiti rusan bolŝevismon en lando kun tute aliaj kondiĉoj.

---

Jen serio da verketoj pri nia movado, organizo kaj propagando.

La : *Konsiloj* de Andrés Pino, sugestoj de malnova esperantisto, bele presitaj, kun portreto de la aŭtoro, celas adapti niajn metodojn al la hodiaŭaj cirkonstancoj per pli intima interna unuiĝo, per persista destino ; la nunaj

pioniroj estas profitemaj dum la antaŭaj estis oferemaj, kaj niaj komitatoj misuzas sian povon per penelopa laboro. Apogon ni devas trovi ĉe eminentaj personoj, kaj simpligi la agadon de la delegitoj de UEA. Ĝenerale aprobindaj, tiuj konsiloj ankaŭ foje estas kontraŭdiraj, neutilaj evidentaĵoj kaj ripetoj. Kelkaj lingveraroj kaj uzo de « laŭ » kiel konjunkcio, afero jam rimarkita ĉe aliaj verkoj de Hispanoj.

La : *Skizoj el Esperantujo*, de Franz Ulrich, estas bone verkitaj skizetoj, laŭdaj aŭ ironiaj, ankaŭ kortuŝaj, pri okazoj kiam Esperanto ludis utilan aŭ feliĉigan rolon.

*La Esperanto-Klubo*, kial fondi ĝin, kiel fondi ĝin, kiaj estu la programoj, fontas el longa sperto de Ernfrid Malmgren, kaj bone traktas la temon difinitan per la subtitoloj. Precipe la ĉapitroj pri la vivo en la klubo, la organizo, la distraĵoj, la kursoj, la biblioteko, la publika laboro, kaj stenografia raporto pri modela kluba kunveno, estos tre utilaj al kursestroj, al klubestraranoj.

*A short history of the Lancashire and Cheshire Esperanto Federation*, 1908-1933, de J.D. Applebaum, resumas laŭjare la devenon, progresojn, gravajn eventojn por la grupoj de tiu regiono kaj federacio. La konata : « Provo en Eccles » estas detale raportata, kaj listoj de grupoj, paroladoj, estraranoj kompletigas tiun historian, anglolingvan, jubilean rememoraĵon.

Sub bilda kovrilo ; *Unua Slovaka kristana princo*, kompilaĵo de S. Kamaryt, estas historia skizo pri urbo Nitra, kie antaŭ 1100 jaroj, en la epoko de l' Granda Moravio, estis enkondukata kristanismo kaj konstruata unua preĝejo en Ĉeĥoslovaka teritorio. La 12 paĝoj, kun streĉa teksto, liveras interesan rigardon al tiu ekstreme komplika periodo de l' mezepoko.

*I.S.E. kalendaro*, por 1934, publikaĵo de Internacio de Socialistaj Esperantistoj, kun la kutima enhavo de tiaj jarlibretoj, ankaŭ enhavas historian resumon pri la neŭtrala kaj pri la laborista esperantistaj movadoj, statutojn, kaj informajn tabelojn.

15 Aprilo 1934. G. S.

---

*La Jarlibro de Sennacieca Asocio Tutmonda* por la jaro 1933-1934, informas sur 26 paĝoj pri la stato de tiu ĉi Asocio. Statuto, regularoj, datoj historiaj, listo de laboristaj organizaĵoj (laŭ naciaj lingvoj), informoj pri eldonaĵoj de SAT, kaj fine laŭloka listo de la perantoj aŭ de SAT-membro, minimume unu po loko. Signifa estas la informo pri manko de indikoj el Bulgario, Germanujo, Hungarlando, Italujo, Jugoslavio, Latvio, Litovio kaj... USSR.

Estas do informoj pri 485 lokoj, grava malplimultiĝo, ŝuldata al malpermesoj kaj malhelpoj en la supre cititaj landoj. Spite de tio, SAT vigle laboras kiel pruvas la informo pri re-apero de la *Plena Vortaro* en dua kompletigita eldono. La jarlibro de nun havas altan formaton kaj estas presita ĉe presejo Granchamp en Annemasse.

---

# BESTOJ PAROLAS

Fabloj de Jean de La FONTAINE.

## Leono kaj rato

*Helpema por aliaj, oni devas esti :*
*Plej ofte, pli malgranda estas bezonita.*
*Du fabloj povos pri-tiu ver' atesti,*
*Tiom estas ĝi pruvita.*

* *

*Malsaĝe iom el la tero*
*Sub la piedoj de leono, saltis rato*
*La vivon lasis je okazo de l'afero*
*Al ĝi, la reĝo de la bestoj, pro kompato*
*Ne vana estis la bonfaro.*
*Ĉu iu kredus ke la bono*
*De rato servus al leono ?*
*Okazis tiam, ke dum iro el arbaro*
*Leonon kaptis reta ŝnuro :*
*Neniel taŭgis ĝiaj blekoj por forkuro.*
*Sinjoro rat' rapidis, nur mordetis maŝon,*
*disrompis tiel ĝi, la tutan laboraĵon.*
*Pacienco kaj daŭreco*
*Pli prosperas ol forteco.*

---

## Kolombo kaj formiko

*De pli malgrandaj, venas la ekzemplo dua.*
*Kolombo trinkis el rivero klare flua,*
*Formiko tien falas pro kliniĝa gesto,*
*Kaj en marego naĝis tiu besto*
*Penante por atingi bordon, sed nur vane.*
*Kolombo por formiko montris sin kompata :*
*En akvon, herba trunko estis tuj ĵetata,*
*Ĝi estis promontoro por alveni sane*
*Kaj tiel la formik' sin savis.*
*Kampulo nudpieda tie malrapidas :*
*Hazarde, sur la ŝultro li pafarkon havis.*
*Venusan birdon li ekvidas*
*Kaj ĝoje kredas ĝin jam en kaldrono lia.*
*Por pafi, dum preparas sin la vilaĝano,*
*Lin pikas besto ĉe kalkano.*
*La kapon turnas viro nia :*
*La birdo aŭdas lin, ekflugas kun rapido.*
*La vespermanĝo flugas kun ĝi for de vido :*
*Por spes' ne estos kolombido.*

Trad. Lucien THEVENIN).

---

# Debrecena semajno

**2.-10 Junio 1934**

*Solenaj 8 tagoj de la plej tipe hungara urbo.*
Arangaĵoj, spektakloj, vidindaĵoj, ekspozicioj, solenaĵoj, kongresoj.
Inaŭguro de Stadio.
Sportaj, gimnastikaj kaj atletikaj konkursoj : (skermado, luktado, celpafado, launteniso, nagado, motorbiciklado ).
*Internacia* gimnastika festo.
Karuseloj. Sport-aviado. Koncertoj.
Kulturaj, sciencaj, literaturaj kaj artaj presentadoj.
*Ekspozicioj* : belartaj, filatelista, bibliografia, *esperanta*, foto amatora, industria, komerca.
*Liberaeraj ludoj*, aktorajoj kaj prezentadoj.

**Esperantista Landa Kongreso (2-3 Junio)**

Skolta tendaro. Tendarfajro. *Stepaj festoj en Horobagy puszta.*
*Industria kaj komerca ekspozicio kaj foiro.*
Okazaj rapidvagonaroj el ĉiu landparto. *Specialaj vojaĝrabatoj !*
*Petu informojn* de la Urba Fremdultrafika Oficejo. Adreso : « Varosi Idegenforgalmi Hivatal » Debrecen, Dobozi atjaro.
*Korespondado* en angla, esperanta, finna, franca, germana, hungara kaj itala lingvoj.

# Universala Esperanto - Asocio




Centra Oficejo :

1, Tour de l'Ile, Genève

## Oficiala Informilo

26-a Administra jaro 1934 :

N-ro 5 — Majo 1934

Bankkonto:

Société de Banque Suisse

(Schweizerischer Bankverein), Genève.

*Svisa Poŝtĉeko:* Genève I. 2310.

*Buĝeto* 1934. — En raporto submetita al la Komitata kunveno, en Kolonjo dum la 25a kongreso, la Direktoro submetis kun detala laborplano la buĝeton 1934. Ĝi servis kiel bazo por la definitiva buĝeto, diskutita kaj akceptita dum la Paska kunveno 1934.

*Ĉefdelegito belga.* — Pro la morto de S-ro Frans Schoofs, la Belga Ligo Esperantista proponis al la prezidanto de UEA, Sinjoron

Morris De Ketelaere, 25 Oostenstraat, Antwerpen
kiel ĉefdelegiton.

La prezidanto de UEA akceptis tiun ĉi proponon. Ni petas la esperantistojn en Belgujo sin turni pri ĉio kio rilatas UEA al la nova ĉefdelegito. Informo estas sendata aparte al ĉiu UEA ano en Belgujo.

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston de la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi la Dumvivan Membrecon de UEA :

*Atesto: Dua Serio:*

| | |
|---|---|
| Antaŭa sumo | Frk, sv. 17.400.— |
| 59. D-ro Tobias Sigel, Detroit Mich. | 300.— |
| | Frk. sv. 17.700.— |

*Subtenantoj.* — La jenaj samideanoj bonvolis aliĝi kiel subtenantoj :

### Kvina listo

151. S-ro Paul Christaller, Stuttgart, Germanujo.
152. S-ro Enrique Balegh, Buenos Aires, Argentino.
153. S-ro Francisco de Maria, Iberlucea, Argentino.
154. S-ro J. L. Mast, Amsterdam, Nederlando.
155. F-ino F. J. Eldering, Amsterdam, Nederlando.
156. S-ino Kunnen-Suurd, Amsterdam, Nederlando.
157. F-ino N. Verlee, Gorinchem, Nederlando.
158. F-ino A. Gobiet, Papendrecht, Nederlando.
159. S-ro Dick Ponti, Aabyhöj, Danlando.
160. S-ro D-ro Baart de la Faille, Arnhem, Nederlando.
161. S-ro D-ro P. W. Meihuizen, Arnhem, Nederlando.
162. S-ro J. D. Brakel, Rotterdam, Nederlando.
163. S-ro Chr. Kromziek, Rotterdam, Nederlando.
164. S-ro van Beek, Soest, Nederlando.
165. S-ro Ch. Engel, Dordrecht, Nederlando.
166. S-ro D-ro W. G. Joustra, Medan, Ned. Indio.
167. S-ro D-ro Ernst Meyer, Saarbrücken, Saarlando.
168. S-ro J. T. Holmes, Torquay, Britlando.
169. S-ino J. T. Holmes, Torquay, Britlando.
170. S-r W. Brown, Inglewhite, Britlando.
171. F-ino Helmi Josefson, Stockholm, Svedlando.
172. S-ro Otto Roesel, Boras, Svedlando.
173. S-ro Erik Malmkvist, Apelviken, Svedlando.
174. S-ro Kurt G. Fritzsching, Washington, USA.
175. S-ro Lawrence Boogs, Bingen, USA.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

### Germanujo

*Brand-Erbisdorff* (Sachsen). — D : Erich Fischer, ĉarpentisto, n-o150
*Duisburg* (Rheinland). — D : Friedrich Kuhn, maŝinisto, Eichhornstr. 6.
*Eibelstadt a-M.* (Unterfranken). — D : August Kimmel, Oberlehrer.
*Fraureuth bei Werdau* (Thüringen). — D : Ernst Müller, Regentenstr. 5.
*Freihung* (Oberpfalz). — D : Johann Spiess, Ornamanta-Werk.
*Göggingen* (Bayern). — D : F-ino Elise Meyerhuber, Sedanstrasse 4.
*Grünberg* (Schlesien). — D : Walter Rädler, Lindenberg 30 b.
*Hemau* (Oberpfalz, Bayern). — D : Josef Lintl, pastro.
*Kalkstein* (Ost-Preussen). — D : Anton Schulz, pastro, Post Arnsdorf, Kreis Heilsberg.
*Kesselsdorf* (Sachsen). — D : Curt Liguda, seruristo, über Dresden-A 28, Kesselsdorf n-o 18.
*Langburkersdorf* (Sachsen). — D : Gerhard H. Kriedel, Försterei L.V.A. ; VD : Oskar Freudenberg, ĝardenisto, Heilstätte Hohwald.
*Lauter* (Sachsen, Erzgebirge). — D : Alfred Spitzer, Staatsstrasse 207.
*Limbach* (Sachsen). — D : Erich Tümmler, Chemnitzerstrasse 15 ; VD : Otto Heine, trikisto, tinktur-laboristo, Helenenstrasse 51.
*Merkstein* (Rheinland). — D : Mathias Etzig, ministo, Plitscharderstr. 28.
*Mühlheim* (Hessen). — D : V. W. Appelhans, tornisto, Zimmerstrasse 44, Mühlheim über Offenbach (Main).
*Rheinhausen* (Rheinland). — D : Arthur Borman, Sofienstrasse 23.
*Rummelsberg* (Bayern). — D : Hermann Kapp, diakono, Brüderhaus, Post Ochenbruck b. Nbg.
*Schoenau* (Sachsen). — D : Emil Werner, fervojoficisto, Zwickauerstr. 154 I.
*Schöneiche* (Brandenburg). — D : D-ro Oskar Zielke, kemiisto, Königstr. 7, Post Fichtenau.
*Straubing* (Bayern). — D : Georg Harth, Point-Privatstrasse 4.
*Trostberg* (Oberbayern). — D : Alois Oberhofer, Rohrigham-Trostberg 54.
*Welper* (Westfalen). — D : August Wetterstein, Post Hattingen-Ruhr.

### Latvio

*Usma* (Kurzeme). — D : Pauls Princis, komunuma sekretario, Pagastnams.

### Pollando

*Chojnice* (Pomorze). — D : Franciszek Lemanczyk, Warszawska 19.
*Miedzeszyn* (Warszawa). — D : Roman Grynszpan, ul. Szopena,
*Sienkiewiczowka* (Wolyn). — D : Bejrisz Furszt, grenkomercisto.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

### EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :

Ne plu estas D en jena loko :

*Belgujo* : Marcinelle (Charleroi).

*Statistiko de la Delegitoj :*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Marto 1934 | 2.152 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo | 1 lokoj |
| | 2.151 lokoj |
| Novaj lokoj de 15 Marto ĝis 15 Aprilo 1934 | + 26 lokoj |
| Stato je la 15 Aprilo 1934 | 2.177 lokoj |

Genève, 15 Aprilo 1934. Hans Jakob, Direktoro de UEA.

# Aŭstrio

La vorto ekvekas senton de varia enhavo historia kaj geografia. Malmultaj landoj unuigas tian interesan signifon en ĉiu direkto al konfuzige embarasa tamen unueca tutaĵo.

En politika senco Aŭstrio ne estas « lando »,[1] sed amplekses naŭ « landojn » (laŭvice de okcidente ĝis oriente) : *Vorarlberg, Tirol, Salzburg, Oberoesterreich* (Supra Aŭstrio), *Niederoesterreich* (Malsupra Aŭstrio), *Burgenland* (t.e. lando kun multaj kasteloj), suden al la cititaj aliĝas : *Kärnten* (Karintio) kaj *Steiermark* (Stirio). Ĉiu lando havas sian propran karakteron : *historian, popolan* kaj *pejzaĝan*.

Nur kelkaj linoj pri la estiĝo de Aŭstrio : *Keltoj* estis la praenloĝantoj, *Romanoj* konkeris parton post parto, *Germanaj* gentoj, *Hunoj, Avaroj, Madjaroj* (Hungaroj), *Slavoj* posedis pli malpli longe la landon entute aŭ parte postlasinte efikajn elementojn aŭ nur ombron de siaj ĉi tieaj agoj, ĝis kiam fine la germana radiko en la lando, de imperiestro *Karlo la Granda* (768-814) ricevis fortigan nutraĵon, kaj per tio la « landoj » unu post alia fariĝis valora parto de *Germanio*. Ĉar jam en tiu ĉi tempo elkristaliĝis unuopaj « landoj» observante memstarecon sub diverse devenintaj regantoj. Eminentiĝas la glorriĉa gento de *Babenberganoj* (976-1246) en la Ostmark (orienta limlanda provinco, ĉefparto de la hodiaŭa Niederoesterreich). La *Habsburganoj* el Svislando, prenis sur sin la heredaĵon de la Babenberganoj (1282), kaj konstruadis en la jarcentoj la grandŝtaton Aŭstrio, kia ĝi estis antaŭ la mondmilito, samtempe preskaŭ ĉiam okupante la tronon de Germanio (germana imperio) ĝis la jaro 1806. En jaro 1804 fariĝis Aŭstrio imperiestra regno[2]. Pri la urbo Wien estu nur aldonita, ke ĝi jam en frua mezepoko fariĝis centro de okcidenta kulturo apude de Roma kaj Paris.

Veninte el Svislando ni troviĝas en « lando » *Vorarlberg*, kun la pentrinda ĉefurbo *Bregenz*. La afablaj enloĝantoj, kies alemanan dialekton ne ĉiu facile komprenas, invitas nin en florantajn ĝardenojn. Influo de okcidento estas sentebla, ni estas en Rejno-lando. Ni veturas orienten tra la 10 km longan *Arlberg-tunelo* kaj admiras la montgrandegulojn de alte romantika « lando » *Tirol* kun ĉefurbo *Innsbruck*. La spiro de malnovgermana arto ĉirkaŭventumas nin. Germana gotiko kaj itala konstru-arto sin reciproke komplimentojn faras, kaj la montgigantoj gardestarantaj atestas ĉion de supre enrigardante en la stratojn. En Tirol ni staras pli serioze antaŭ la fortikeco de naturo kaj homoj.

La « lando » *Salzburg* baldaŭ estas atingita, kaj, rimarkinde, jam ni estas kaptita de tute alia sento, kvankam la montaro en sia grandioza giganteco restas. Ja sudlanda brilo nin varmigas. Mildeco kaj forteco samtempe. Ni preterpasas la sude lokitan montegĉenon *Hohe Tauern* kun plej altaj suproj de Aŭstriaj Alpoj : *Gross-Venediger* (3.660 m.) kaj *Gross-Glockner* (3.798 m.). La ĉefurbo *Salzburg*, iam nomita pro la valoro por la religia vivo la « germana Romo » estas nuntempe famkonata muzikurbo ; protektas ja la genio de Mozart, kies lulilo ĉi tie staras, la urbon.

Antaŭ ol daŭrigi la vojaĝon en la direkto Wien, ni ĵetu rigardo suden al *Kärnten*. Ni vidas en lagoj banantajn, remantajn, velveturantajn, ni renkontas ĉe naturvarmaj fontoj homojn el malproksimaj landoj, sanon regajnantojn.

Ni bedaŭre ne povas restadi en la ĉefurbo *Klagenfurt*, ne enprofundiĝi en la min-ekspluadon de la lando. Jam logas nin verda *Stirio* (Steiermark). Milda aero, verdaj montetoj kaj fekundaj kampoj prezentas abunde naturdonacojn. Ĉi tie lokas la ĉefurbo *Graz* apud la rivero Mur. Laŭ la ĝenerala silueto Graz memoras al Salzburg ; laŭ la interna aspekto ĝi respegulas la renesancan epokon. Iam la plej amata loko de riĉaj pensiuloj, ĝi hodiaŭ akceptas la manieron de moderna grandurbo. La norda parto de Stirio etendiĝas pli vaste al okcidento kaj prezentas en orienta kaj okcidenta parto diversan karakteron. Pri la orienta parto mi nenion diras, legu Rosegger ! Ĝi estas lia hejmlando, sufiĉe de li per vortoj pentrita. Pri la okcidenta parto nomita *Obersteiermark* mi nur elparolas la vorton : Gesäuse (gezeŭze). Ni ĝuas ree la mirak1an belecon de montegaro.

Se ni pensas al la « lando » *Oberoesterreich* ekvekiĝas tuj la sopiro al *Salzkammergut*. Kiom da famkonataj lokoj : *Gmunden, Traunstein, Ebensee, Mondsee, St. Wolfgang, Ischl, Attersee* k.t.p. Kia varieco en la naturscenoj : la urbeto *Gmunden* en rava kamparo, *Ebensee* jam en montara regiono, la unua apud la nordpinto, la dua apud la suda parto de Traun- aŭ ankaŭ nomata Gmundener-lago. Ne devas resti sen mencio la idilia kaj tamen grandioza *Hallstatt* apud samnoma lago, ĉar de tiu ĉi loko venas la nomo de la di-benita regiono : « Salzkammergut » tio signifas salmineja regiono. En monto malantaŭ la vilaĝo troviĝas neelĉerpeblaj salminoj.

Norden al la *Danubo* ! Ni tra-migras fruktoriĉan kamparon senfinan. Malantaŭ ni postsendas la arbaro la lastan saluton de la altmontaro. Ni atingas la ĉefurbon de Supra Aŭstrio *Linz*, meze trafluita de riverego *Danubo*. Afabla urbo, vastaj stratoj, barokaj konstruaĵoj. Kiel Salzburg kaj Graz ankaŭ Linz havas sian monton-ekkonilon en la urba teritorio : *Postling-monto*.

Kaj nun sekvas senprokraste la *ŝipveturado* sur Danubo ĝis Wien. Kia ĝuo ! Sur la Rejno amuzas pli vigla vivo, sur la Danubo ravas pli idiliaj naturscenoj. Kie apud la urbeto *Grein* (parolu : Grajn) la bohemia mezalta montaro atakas la riveregon, formiĝas rapidfluo, nomita *Strudel*, iam danĝera por la ŝipoj. De kiam oni la rifojn eksplodigis, danĝero ne plu ekzistas, nur akcelita veturado. Sed, la Danubo entute fluas rapide kiel malofte tiom granda riverego. Nun, kara leganto, prenu land-karton ; kiun ajn nomon apud la Danubo vi legas, tiun memoru, ĝi estas vidinda. Vesperiĝas ; ni alproksimiĝas al la metropolo *Wien*. Antaŭ ni la tuta ĉielo estas ruĝa, la urbego jam lumigis la stratojn, negocejojn... kaj tion respegulas la ĉielo.

Per nur kelkaj frazoj paroli pri Wien ! Jen mi malfunkcias. Kiel en virino enamiĝinta viro ne povas diri kaj ne volonte diras, kial ŝi estas bela, kaj tamen li scias ŝi estas aminda, tiel ĉiu, kiu iafoje ĝuste vidis Wien, estas iamaniere ravita. Kiel ĉe homo ne nur ekstera beleco estas, kio plaĉas, sed ankaŭ kaj precipe la animo, tiel ankaŭ l'animo de Wien ekzistas, kiu ne estas videbla, sed ĉiam kaj ĉiuokaze sentebla.

Antaŭ la pordoj de Wien orienten ni venas en la novan « landon » *Burgenland* ; la granda hungara ebenaĵo (pusta), ĉi tie jam estas sentebla, sed ne eble imagu dezerton ; nia « lando » estas kvazaŭ unu granda ĝardeno kun beletaj lokoj tre taŭgaj por somerrestadoj, ofte vizititaj ekskurse de Wienanoj. Allogas la banejoj apud la Neusiedler-lago.

Fine imagu jenon : Vi sidas apud tablo, sur kiu estas aranĝita granda amaso da frŭktoj diversaj kaj oni diras al vi : « manĝu ĉion ! » Kvankam ĉiu speco estas bongusta, vi nur povas ĝui kelkajn. Laŭ hazardo vi prenas. — En tia situacio mi parolis pri Aŭstrio. Ludwig SIEDL, Wien.

[1] La vorto lando estas en tiu ĉi artikolo dusence uzata : 1.) ĝenerala signifo, limigita parto de ter-regiono pres. : lando. 2.) speciala signifo politika kiel provinco pres. : " lando ".

[2] La nuna malgranda *Respubliko Aŭstrio* datas sian unuan konstitucion de la 21-a de Oktobro 1918, la lastan gravan reformon de la 7-a de Decembro 1929 kaj plie : 1 Majo 1934



Traunsee : Kastelo Orth.



Semmering. Kurhaus kaj Raxalpe.



Velden će Wörther-lago.



Graz.



Salzburg



Kitzbühel.





Burgenland : Kastelo Forchtenstein.



Schweizertor en la Rhätikon.





# FOIRO DE BUDAPEST

Inter la Foiroj uzantaj nian lingvon jam dum serio da jaroj, estas la Budapeŝta. Ĉiujare ĝi eldonas vere belajn reklamilojn en ĉiuj gravaj lingvoj kaj krome en Esperanto. Belegaj estas tiuj




presaĵoj, kiuj invitas al tiu ĉi grava manifestacio de laboro, industrio kaj kapablo de hungara gento. Samideanoj vizitantaj la Foiron en tiu ĉi jaro, ne forgesu indiki, ke ili estas Esperantistoj. — La jena bildo montras la kovrilpaĝon de la reklamiloj, afiŝoj de la Foiro, sed nur donas malfortan impreson pri la viveco de la koloroj kaj la arteco de la aranĝo.

## Kroniko

### Bulgario

La mizero ne sukcesas haltiĝi nian movadon en Bulgario. La nunjara XXI Bulgara kongreso okazos en la apuddanuba, pitoreska urbeto Raĥovo, en kies regiono, 7 kilometrojn for de ĝi, en la mezo del' kvieta Danubo, troviĝas la unua insulo esperantista en la mondo, nomata « ESPERANTO » posedata de la loka esperantista societo « D-ro L. L. Zamenhof ».

La kongreso promesas esti bone vizitata, ĉar la nomo de Raĥovo dum la lastaj monatoj famiĝis tra la lando pro la kursoj, tre sukcese gviditaj de lerta kaj konata lektoro Radoslav K. Triĉkov, delegito kaj peranto de UEA.

Post sukcesa kaj bone vizitita parolado, akompanita per provleciono kaj demonstracio kun la publiko mem, la 1-an de decembro ekfunkciis tri kursoj en la urbeto kun 158 gepartoprenantoj, kaj grupigitaj en INFANA, GIMNAZIANA kaj CIVITANA fakoj. Du monatojn daŭris la lecionoj kaj fine, je la la 6 de februaro la kursoj finiĝis per publika ekzameno kaj demonstracio en la loka teatro « Nadejda », kie la publiko estis ravita de la brila sukceso. Grandan sensacion faris la klaraj kaj perfektaj respondoj de la infanoj, kiuj mirigis la publikon kaj reklamigis perfekte sian instruiston. Ilia jaraĝo variis inter 7 kaj 13 jaroj. La publiko estis multnombra kaj varme aplaŭdis instruiston kaj la gekursanojn. Fine estis disdonitaj libropremiojn, donacitaj speciale de Universala Esper. Asocio per S-ro Triĉkov.

Sub la lerta gvido de S-ro Triĉkov ni faris la unuajn kongreslaborojn kaj esperas ke la kongreso estos vizitata ne nur de la bulgara gesamideanaro, sed ankaŭ de la najbarlandaj kaj appuddanubaj samcelanoj.

Al nia senlaca kaj fervora samideano Triĉkov nian dankemon kaj senliman kontenton.

RAĤOVANO.

## En kelkaj linioj



*** *Tutmonda Asocio Kolektanta* estis fondita en januaro 1932. Ĝi jam havas 102 membrojn el 21 landoj. Ĝi estas la sola, serioza, internacia, esperantista kolektanta faksocieto. La anoj ricevas: la gazeton, bultenon, jarlibron kaj povas uzi la diversajn servojn. La nunjara jarlibro estos ja valora, ĉar ĝi enhavos krom la membrolisto ankaŭ la katalogon de esperantistaj porokazaj glumarkoj. Interesemuloj turnu sin al la prezidanto: D-ro Jozefo Takacs. *Nagymaros*. Hungarujo.

*** Perlo estas nomo de tabako, el fabrikejo en Solothurn-Soleure (Svislando).

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro ANDRES MA. OLIVA, kapitano, VD en Habana, 25 Marto 1934.

F-ino ELIZA ANN LAWRENCE, London 4 Aprilo 1934, 82 jaraĝa. En la Januara numero, pĝ. 10 aperis mallonga biografio pri F-ino Lawrence, lerninte Esperanton en 1896. Pace kaj sendolore ŝi forpasis.

S-ro EUGENE VONNEZ, Genève-Carouge, 62 jaraĝa, fidela ano de l'ĝeneva grupo « La Stelo », kelkjara Membro-Subtenanto de UEA, 20 Aprilo 1934.

*Sinceran kunsenton !*

## Esperantista vivo

### Naskiĝoj

*** Al Ge-sroj Hague-Samson esperantistaj geedzoj, konatiĝintaj per Esperanto (Valenciennes) filo Gérald.

*** Al Ge-sroj A. S. Vinzent, D de UEA en San Francisco, filineto Elizabeth-Anne, 16 Februaro 1934.

*** Al Ge-sroj Jaume Grau Casas, Barcelona, filineto Francisca Rosa, 27 Februaro 1934.

*** Al Ge-sroj Darjus Nemseĉi, D en Tabriz, Persujo, filineto Daraduĥt 13 Aprilo 1934, jam anino de UEA, sekve la plej juna.

*** Al Ge-sroj Konstantinov, D en Tatar-Pazarĝik, Bulgar., filineto Ekaterina.

### Edziĝoj

*** F-ino Anci Nyvltovà, MA 19570 en Praha kun S-ro Jaroslav Baroch, M 36806, 31.III.34.

### Honorigo

*** S-ro Ivan H. Krestanoff, DM de UEA en Sofia, fininte studon ĉe diplomati-konsula fako de Libera Universitato en Sofia, ricevis monpremion kaj laŭdon pro verkado de tezo : Nuntempa Albanio.

# La XXVI-a en Stockholm -- grandioza kongreso

## Granda aliĝnombro — 1.100 kongresanoj !




Laŭ ĉiuj antaŭsignoj la Stokholma universala kongreso de Esperanto estos inda manifestacio. La kongresa komitato, kiu multmaniere provis veki intereson por la kongreso inter la esperantistoj, ankaŭ kun granda entuziasmo pri-laboras la kongresprogramon. Ambaŭrilate la komitato ricevis helpon de bonaj ventoj, aŭ pli bone dirite : ĝi direktis la kongresŝipon tiel, ke favoraj ventoj devis veni !

Kiam finiĝis la unua periodo de aliĝo, sin regitiris ĉ. 1.100 personoj. Verŝajne ĝis nun tre malofte tiom da kongresanoj sin anoncis antaŭ 1 Aprilo, kaj oni atendas almenaŭ 2.000 kongresanojn ! Kiu tiam ne volas kunesti !

Bela kongresprogramo estas jam pli malpli preta. Post solena malfermo en pompa koncerta domo sekvas granda solena fest-vespermanĝo en Grand Hotel kun aparta programo. I.a. estos prezentado de kantoj de Bellman kaj Wennerberg, fame konataj svedaj verkistoj, kiuj verkis bonhumorajn kaj belajn kantojn. Krom tio danco en granda salonego.

La aliajn tagojn oni travivos belegan ŝipekskurson tra la stokholma arĥipelago, subĉiela festo en « Skansen », teatra vespero en kiu ludos svedaj aktoroj teatrajon de Strindberg kaj krom tio ĉeĥaj aktoroj bonhumoran unu-aktan teatrajon. La interesa internacia balo en la pompa Urba domo de Stockholm certe allogos ĉiujn. En la kadro de la kongreso kaj post ĝi estos multaj ekskursoj malmultekostaj.

La kongresanoj travivos tiom multe kaj ĉiel ricevos tian rekompencon de la kongreskotizo, 25 sved. kr., ke ĉiuj esperantistoj nepre devas partopreni. Do tuj aliĝu al :

XXVI-a Universala Kongreso de Esperanto, Fredsgatan 4, Stockholm. Banko : Sundsvalls Enskilda Bank, Stockholm.



## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj.*

*Mallongigoj :* L-letero ; PK-poŝtkarto ; PI-poŝtkarto ilustr. ; bfl.-poŝtmarko sur bidflanko ; Gaz.-gazeto ; k.ĉ.l. kun ĉiuj landoj ; C.r.-certe respondos.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95 (H & P) nur PM. (malrespondas bagatelajojn).

*Cassá de la Selva* (Katal. Hispanujo). — S-ro M. Juliol Matas, Str. Catalunya 41, Amatorfotoj k.ĉ.l.

*Hradec Kralové* (Ĉeĥoslovakio). — Studentoj kaj studentinoj de Komerca Akademio serĉas korespondantojn kaj PM. k.ĉ.l.Respondo garantiata ! Skribu al prof. F. Smetak.

*Kinna* (Sved.). — S-ro Axel Linusson, Box 55, monerojn k.ĉ.l.

*Pardubice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Svaton, Husova 278, oficisto, PI., bfl., k.ĉ.l., precipe kun Azio, Afriko kaj Aŭstralio. Respondo garantiata.

*Plzen* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro J. Votrubec, Koterovska 28. PM., aerpoŝtajn M. k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Praha-VII*-535 (Ĉeĥoslov.). — S-ro Jaroslav Herman, Dobrovského str. 18. PKI., L., PM. Certe respondas !

*Risskov* (Danlando). — S-ro C. A. Hvorslev instruisto, « Nordly », Asylvej, PM., Ne sendas unue.

*Telŝiai* (Litovio). — S-ro A. Purlys, paŝts dėzute 41, PM., PK.

*Vendrell* (Hispan., Catalunya). — F-ino Maria Julibert, str. D-ro Robert 28, PI., k.ĉ.l., pri ĉia temo. C.r.

*Villeurbanne* (Rhône, France). — S-ro Maurice Barret, 6, rue Jubin, PK., PI., k.ĉ.l. Deziras korespondanton en Magdeburg (Germ.) pro la venontaj Eŭropaj naĝkonkursoj. C.r.

## Petoj kaj proponoj

***INTERNACIA KOMERCO***

*Atentu.* — Tre malmultekoste mi vendas 20.000 ĉeĥoslovakajn PM. Mi serĉas skriban hejmlaboron ĉiaspecan, faras servojn ; akceptas ĝeneral-reprezentadon, kolportadon de novaj artikloj k.t.p. Akceptas ankaŭ postulojn por enkasigo. Mi korespondas en Esperanto kaj en germana lingvo. G. Röll, Maiersgrün-Sandau bei Marienbad, Ĉeĥoslovakio.

*Gazetoj esperantistaj.* — Ivan H. Krestanoff, str. 6 Septemvri n-ro 2, Sofia, Bulg., deziras akiri n-rojn 12 (1907) 1-12 (1908) de « Lingvo Internacia ; N-rojn 2-3 (1907) 4 kaj 6 (1908) de « Tra la Mondo ». Faru proponojn !

*Kekso Esperanto.* — Aĉetu nian speciale faritan kekson en skatoloj plaĉe envolvitaj per artepresita skatola bendo portanta la nomon « Esperanto » kun verda stelo kaj esperanta teksto. Ĝi estas taŭga kiel propagandilo ĉe div. esp. kongresoj, kiel donaco, premio ktp. kaj estas *vera ornamaĵo sur ĉiu esperantista tablo*. Unuopajn skatolojn ni sendas eksterlandan kiel « senvaloran specimenon » kontraŭ antaŭsendo de 4 internaciaj poŝtaj respondkuponoj. Por pli grandaj kvantoj postulu nian specialan oferton.
Karolina fabriko de biskvito kaj kekso a.s. Osijek (Jugoslavio).

*Serĉata estas.* — Vaclavo Geniuŝas kiu formigris 1904 el Litovio (tiama Rusio) al Usono kaj antaŭ milito loĝis en Detroit (Michigan). Li estas nun 50 jaraĝa, filo de Vladislavo. Lin serĉas ankoraŭ vivantaj gepatroj. Kiu scias, bonvolu sciigi al A. Prapuolenis, Islauzas p. ag., Litovio.

# Kongresanoj de Stockholm

el Germanujo kaj najbaraj landoj, aliĝu al la

# Kongresaj Karavanoj

arangataj de **Friedrich Ellersiek, Berlin,**
kune kun **Heroldo de Esperanto, Köln.**

## Karavano I

(grandparte per ŝipo) kondukos vin al **Kopenhago** (9-hora dumtaga restado por rigardi la vidindaĵojn de la urbo, al **Oslo** (2-taga restado por partopreni en la tiea Antaŭkongreso) kaj fine al **Stockholm.** Vi do konatiĝos pri la ĉefurboj de tri nordaj landoj!

## Karavano II

(nur per fervojo kaj trajekto) kondukos vin al **Malmö** (2-taga restado por partopreni en la tiea Antaŭkongreso) kaj de tie al **Stockholm.**

## Kostoj

por I : 134 — 203 RM, por II : 61 — 152 RM, ambaŭokaze por al- kaj reveturo.

Krome estas rekomendata

## Hotelservo en Stockholm

uzebla ankaŭ por nekaravananoj. Kostoj por 8-taga loĝado, grandaj matenmanĝoj, pakaĵ-transportoj kaj servomono 34,00 — 46,50 RM.

Postulu detalajn informojn de **Friedrich Ellersiek, Berlin SW 61, Wilms-Str. 5.**